


# INTERNACIA FERVOJISTO

**2009.2**



***Ĉina TGV***

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# Prezentado de uniformoj en Triesto

*Cele al konigo de la diversaj fervojaj vestaĵoj, (la nunaj kaj la iamaj), speciala aranĝo estos organizita de la L.K.K. en Triesto.*



*Pripensu la aferon kaj :*

- *kunportu viajn fervojajn kostumojn,*
- *Kunportu viajn fotojn de la tiamaj uniformoj.*

**Frontpaĝe.**

La 31-an de decembro en Pekino okazis la tutlanda fervoja laborkunveno. Liu Zhijun, ĉina ministro pri fervojo, diris en la kunveno, ke, kiel prognozita, la ĉina fervojo en 2008 transportis 1,46 miliardon da pasaĝeroj, 11% pli multe ol en la lasta jaro.

**Enhavo**




# Nia 61-a IFEF-kongreso okazos en Triesto (Italio)

De la 23-a ĝis la 29-a de majo 2009

**Dum la IFK en Triesto, profitu la okazon por partopreni la diversajn ekskursojn. Jen kelkaj vizitindaj lokoj.**

## KARSTA DOMO

Ĝi situas, proksimume je 15 km for de Triesto, marĝene de la vilaĝeto *Rupingrande* en la komunumo de *Monrupino*. Temas pri tute tipa kampara domo de la triesta karsto, ne precize datebla. Kvankam oni ĝin konstruis antaŭ pli ol ducent jaroj, eble tricent, ĝia nuna aspekto datas de 1831, kiam ĝi estis restrukturita lastan fojon. Poste, en 1968, oni renovigis kaj aranĝis ĝin per originala meblaro, donacita de la loka loĝantaro.



La Tegmento, sur kiu leviĝas impona kameno, konsistas el ŝtonaj platoj. Per ŝtonaj blokoj oni faris ankaŭ la sojlon kaj la fenestrokadrojn. Antaŭ la domo videblas ĉarma korteto kun puto, ĉirkaŭita per ŝtonaj muroj.

Teretaĝe, troviĝas kuirejo kaj kelo ; je la supra etaĝo dormo-ĉambro kaj grenejo. Angule de la kuirejo, sur la ŝtona pavimo en iom alta situo, jen la forno por baki panon ; la kamenkapuĉo kaj kavaĵo eblas konservi la akvovazojn. En la dormoĉambro notindaj du luliloj, du riĉe ornamitaj benkokestoj kaj bobenilo.

Ankaŭ rimarkindaj la manfaritaj litaj tukoj kaj kovriloj. En la kelo kaj grenejo, diversspecaj kamparanaj iloj kaj ujoj atestas la lacigan vivon de tiutempaj karstaj loĝantoj. Alia grenejo en la korto estis rearanĝita por gastigi artajn ekspoziciojn.

# LA FERVOJA MUZEO
# STACIDOMO *CAMPO MARZIO*

Dum la jaroj 1901 kaj 1906, samtempe al la konstruado de la trafiklinio *Transalpina* (germane, *Wocheinerbahn*), por realigi la duan fervojan kunligon inter la triesta haveno kaj la aŭstro-hungara imperio, oni starigis novan urban stacidomon.


Stacidomo *Campo Marzio*

Tiel naskiĝis eleganta kaj impona konstruaĵo, inaŭgurita la 19an de julio 1906 samtempe al *Transalpina* (*Trieste-Gorizia-Piedicolle-Jesenice-Rosenbach*). Poste, ĝi fariĝis startpunkto ankaŭ por la linioj *Istriana* (*Trieste-Erpelle-Pola*), aktiva ekde la jaro 1887, kaj la *Parenzana* (*Trieste-Buie-Parenzo*), ekde 1902.

Oni potencigis ĝin ankaŭ por vartrajnoj venintaj el la malnova haveno, pere de kunligo al la Suda Stacidomo (la nun ekzistanta) trans *rivabahn* aŭ marborda linio.

Post la jaro 1918, la stacidomo estis plene utiligata ĝis 1935, kiam oni nuligis la *Parenzana*-n. Dum la dua mondmilito oni forprenis la kovritan parton de la relreto pro militaj uzoj kaj, bedaŭrinde, neniam eblis restarigi ĝin.

Sekve de la militsortoj, la trafiklinioj *Transalpina* kaj *Istriana* estis destinitaj al la tiama Jugoslavio, kaj *Trieste - Campo Marzio* dekadencis kaj servis nur por iri ĝis *Draga Sant'Elia* (landlimo kun la najbaro). Tiu servo definitive ĉesis en 1958 kaj la stacidomo estis utiligata nur por bezonoj de la nova haveno.



La ĉefa konstruaĵo, Muzea sidejo ekde la 8ª de marto 1984, dank' al agado de Libertempa Organizo Fervojista, estis renovigita de la Itala Ŝtata Fervojo: mankas nur la vitra-metala tegmento por protekti la maŝinojn. Volontuloj zorgeme flegas la antikvajn ekipaĵojn, lokomotivojn, dokumentojn, fotojn kaj aliajn objektojn; eblas ankaŭ konsulti la bibliotekon, riĉan je ĉirkaŭ 1 500 libroj, dediĉitaj al la transporta historio. La ekspozicio konsistas el kvar sekcioj: historio, konstrulaboroj, modeloj, elektraj instalaĵoj, kaj ankaŭ pri la tramista servo en Triesto kaj ties regiono, kaj Istrio.

# Nekonataj reloj ĉirkaŭ Triesto



La itinero, projektita ekde majo 1992, atingas la plej orientan fervojo-stacidomon de la Itala reto kaj sur reloj ne plu utiligitaj por pasaĝera trafiko, sed reaktivigitaj alcele, laŭiras liniojn kiuj de la maro kondukas al Karsto, entuneliĝante en la urbajn fundamentojn, por poste, abrupte kvazaŭ tuŝi ruĝajn tegmentojn kaj kultivitajn legomĝardenojn. Laŭ la malnovaj trakoj de la Aŭstraj Fervojoj inter stacidomoj de antikva arkitekturo, oni travagadas sorĉe ravajn panoramojn, elstarigantajn la kontraston inter la kruda beleco de la karsta naturo kaj la milda bluo de la vasta golfo: ĉio ĉi elvokas en la koroj mirajn sentojn antaŭ tiu naturaj spektakloj.



Oni ĝuas kelkajn momentojn for de la kutima ĉiutaga rutino, por admiri, je la reveno, la urbon kaj ties ĉirkaŭaĵojn el nekonata perspektivo, komforte sidante en iu kupeo de la du legendaj elektraj motor-vagonoj : ALe 790.037 kaj ALe 880.073 aŭ en la Historia Trajno, konsistanta el tri, teknike unikaj, vagonoj, trenataj de la lokomotivo E. 626.238.

La trajno vin gvidos laŭ la malnova Suda fervojlinio (*Ferrovia Meridionale*) kaj la Transalpa (*Transalpina*), kun la celo malkaŝi nekonatajn lokojn kaj historion en tiu ĉi teritorio. Oni haltos ĉe la antikvaj stacidomoj de *Rozzol*, *Guardiella*, *Opicina*, *Prosecco*, *Aurisina*, *Grignano* kaj *Miramare*. La panoramoj regalos vin per intense emociaj momentoj, kaj vi surpriziĝos pro la grandanimeco de la naturo kiu larĝmane donacis al la homo tiom da mirindaĵoj.

# Raporto de la kasisto por la jaro 2008

| Enspezoj | EUR | Elspezoj | EUR |
|---|---|---|---|
| Kotizoj | 5537,00 | IF-presado | 2600,00 |
| Donaco | 18,36 | IF-sendo | 2150,00 |
| FFK-vendo | 20,00 | UEA-kotizo | 174,00 |
| | | Afrankoj FK | 160,44 |
| | | Estraro | 874,16 |
| | | Bankkostoj | 3,45 |
| | | Memorŝtono | 170,00 |
| **Sumo :** | 5575,36 | **Sumo :** | 6132,05 |

| Membro-stato | | |
|---|---|---|
| **Lando** | **2007** | **2008** |
| Aŭstrio | 56 | 56 |
| Belgio | 15 | 15 |
| Bulgario | 15 | 15 |
| Ĉeĥio | 40 | 34 |
| Ĉinio | 15 | 15 |
| Danio | 60 | 40 |
| Francio | 105 | 101 |
| Germanio | 129 | 114 |
| Hispanio | 15 | 15 |
| Hungario | 30 | 30 |
| Italio | 65 | 60 |
| Japanio | 15 | 15 |
| Kroatio | 15 | 15 |
| Norvegio | 36 | 36 |
| Pollando | 15 | 15 |
| Rumanio | 15 | 15 |
| Serbio | 15 | |
| Slovakio | 10 | 10 |
| Slovenio | 6 | 6 |
| Individuoj (2008: 6 CH + 2 NL + 1 FI) | 12 | 9 |
| | 684 | 616 |

| Propono de buĝeto por la jaro 2010 | | | |
|---|---|---|---|
| **Enspezoj** | **EUR** | **Elspezoj** | **EUR** |
| Kotizoj | 5500,00 | IF-presado | 2200,00 |
| FFK-vendo | 24,00 | IF-sendo | 1800,00 |
| | | UEA-kotizo | 174,00 |
| | | Afrankoj FK | 140,00 |
| | | FFK-presado | 100,00 |
| | | Estraro | 1100,00 |
| | | Bankkostoj | 10,00 |
| **Sumo :** | 5524,00 | **Sumo :** | 5524,00 |

| Bilanco je la 31-a de decembro 2008 | | | |
|---|---|---|---|
| **Aktivoj** | **EUR** | **Pasivoj** | **EUR** |
| Banko | 7387,63 | Kongresa Garantia Fonduso | 18,78 |
| UEA-konto | 1421,68 | Junulara Fonduso | 501,18 |
| Kaso | 1393,83 | Adopta Fonduso | 98,85 |
| Ricevotaj Kotiz. | 594,00 | Terminara Fonduso | 78,48 |
| | | Estrara Fonduso | 369,52 |
| | | SAEF-Fonduso | 1956,05 |
| | | „Historia libro (IFEF 100 jaroj)“ | 249,00 |
| | | jarrezultoj sumigitaj | 8081,97 |
| | | ĉijara rezulto | -556,69 |
| **Sumo :** | 10797,14 | **Sumo :** | 10797,14 |

## Tagordo de la nepublika komitatkunsido (25.05.2009) en Triesto

1. Malfermo, konstato mandatoj
2. Diskuto kongrespropono(j)
3. Diskuto kasraporto-bilanco 2008/buĝeto 2010
4. Diskuto analizo de situacio en kelkaj landoj
5. Diskuto venontaj kongresoj
6. Analizo eksteraj rilatoj

Eventualaĵoj

## Tagordo de la publika plenkunsido (26.05.2009) en Triesto

Malfermo, konstato mandatoj
Ricevitaj telegramoj, leteroj
Honorigo al la mortintoj
Estraranaj raportoj
- Sekretario
- Redaktoro
- Kasisto

Protokolo Poznano (PL)
Raporto de la ĉefkomitatano
Kongrespropono(j)
Raportoj de la Faka Komisiono (FK)
- Gvidanto
- Sekretario de la Fake Aplika Sekcio (FAS)
- Sekretario de la Terminara Sekcio (TS)

Raportoj de la komisiitoj
- Skisemajno (IFES) 2009
- Komitatano "A" por IFEF ĉe UEA

Resumo de jarraportoj 2008 el la landaj asocioj
Analizo de la nuna situacio en kelkaj landoj
Buĝeto 2010 kaj kotizkonfirmo
Rilatoj al aliaj organizoj
- 13.1. UEA
- 13.2. FISAIC

Venontaj kongresoj
- Konfirmo de invito al la 62-a IFK 2010
- Elekto de lando por 2011, la 63a IFK
- Diskuto pri pluaj eblecoj

Venontaj VIFES 2010 kaj 2011
Eventualaĵoj
Libera diskutado

# Vartrafiko en la estonteco :

# Milionoj por reloj

Germana Fervojo *(Deutsche Bahn)* multe investos por konstrui interligon inter marhavenoj kaj internlando. La urbo *Duisburg* staras en la mezpunkto de tiu konstru-programo. Prognozo: Vartrafiko duobliĝos en 2015.

Ministo-kapelo ludis, gravaj paroladoj aŭdeblis, du dizelaj lokomotivoj servis kiel foto-montrantaj objektoj – kaj ĉio nur tial, ĉar oni simbole ŝanĝis signalon de ruĝo al verdo ? Ne tute : En la ranĝadstacio *Ruhrort Hafen* komencĝis la efektivigo de senprokrasta programo de *Deutsche Bahn* por plibonigi interligon inter marhavenoj kaj internlando. Pli ol 300 milionoj da €, el tiuj 255 milionoj el la kaso de la federacio, estas planitaj por tie konstrui dum la venontaj jaroj.

Centran signifon havas la haveno de *Duisburg* kaj eblecon koneksiĝi kun la fervoja reto. Ĉirkaŭ 60 milionoj da € estas planitaj por investi nur en la regiono *Duisburg*, por fari la fervojon pli laborpova kaj pli rapida. 22 milionojn kostos la alikonstruado de la havenstacio *Duisburg-Ruhrort*. Novaj trakoj estos konstruitaj. Trakoj ricevos novajn kaj pli laborpovajn koneksojn, por ke sur ili oni povu al- kaj el-transporti pli da varoj.

Oni dezirus profiti de la kontinua kresko de la haveno *Duisburg*, klarigis *Stefan Garber*, respondeculo por infrastrukturo de la Germana Fervojo. Ĝis 2015 duobliĝus la vartrafiko al



kaj el la havenoj. "Ni laboras per multege da penoj por flankenŝovi malfacilaĵojn kaj ellabori relkoneksojn al niaj havenoj", diris *Achim Groß-mann,* parlamenta ŝtatsekretario en la federacia trafikministerio.

Estonte, la fervojo devus majstri pli grandan amason da vartrafiko



# Tagordo por la kunveno de FK dum la 61a kongreso :

1. Bonvenigo kaj enkonduko fare de la FK-gvidanto.
2. Elektoj:
   a) gvidanto de FK (nuna Jan U. NIEMANN, reelekteblas)
   b) sekretario de FAS (nuna Ladislav KOVÁR, reelekteblas)
   c) sekretario de TS (nuna Heinz HOFFMANN, reelekteblas)
   d) redaktoro de TeKu (nuna Heinz HOFFMANN, reelekteblas)
2. Raporto de la Fake aplika sekcio-sekretario.
3. Raportoj pri fake aplika laboro en unuopaj IFEF landaj asocioj.
4. Fakaj programeroj dum la 61a IFK.
5. Raporto de la Terminara sekcio-sekretario.
6. Raportoj de la TS-kunlaborantoj (kaj landaj kaj individuaj).
7. Trakto de nocioj laŭ informoj en Terminaraj Kurieroj.
8. Fakaj programoj dum la 62a IFK.
9. Novaj taskoj por la sekcioj.
10. Eventualaĵoj (sub tio korektado de la adreslisto).



por malŝarĝi la ŝoseojn kaj protekti la medion.

"Denove kreskos, je pli ol dek procentoj, priskribis havenestro *Erich Staake,* la kontenera transkargado". Ankaŭ la karbo-transkargado en *Duisburg* duobliĝos pro multnombraj planitaj novaj elektraj centraloj: "Ni ankoraŭ multe intencas fari". Ekstere en la haveno, *Germana fervojo* ankaŭ investos en la antaŭstacion *Duisburg-Hochfeld Süd,* en la *Hochfeld*-an havenstacion kaj en la konekson de la haveno "*Logoport 2"* en la sudo de la urbo. Ankaŭ sur la oleo-insulon en la haveno, Germana Fervojo intencas investi.

***Prognozo :*** La fervoja trafiko en la publikaj havenoj en *Duisburg* plialtiĝos ĝis 2015 de hodiaŭ 12 milonoj da tunoj al 27, taksis Germana Fervojo. Tio estas pli ol la duoblo, kiu signifas 112 trajnojn pli, ne kalkulante la trafikon al privataj havenoj, kiel tiu la loka ŝtalindustrio.

*Raporto de Willi Mohrs,*
*trovita en WAZ,*
*tradukita de R.Terjung*

# Lastaj TRI problemaj eventoj kaj akcidentoj de ĈEĤA FERVOJO (ĈD)

Ĉiu averia afero, ne nur ĉe fervojo, estas ĉiam malkontentigita afero. Nura pozitiva fakto el ĝi estas ebleco, ke tia okazintaĵo povas esti plej bona i n s t r u o por eviti eventualajn akcidento-eventojn dum estonteco.

l) En moravia grava fervojlinio antaŭ la stacio Studénka, la 8-an de aŭgusto, oni komencis rekonstrui iom destre superfervojlinian feran pontegon. Tiun ĉi teknikan problemon transprenis konstru-firmao O D S ( Ostravaj trafikaj konstruaĵoj ), kiu klopodis realigi projekton de rekonstruo.

Hazarde, dum la konstruo per nur kelke da cm, ĵus en momento kiam sur la fervojlinio veturis rapidtrajno, rekonstruata ponto disfalis. Disfalinta fera konstruo de la ponto falis sur la antaŭan parton de la rapidtrajno.

Jen rezulto : elektra lokomotivo kun du pasaĝervagonoj detruitaj, ok personoj mortigitaj, pliaj 60 pasaĝeroj vunditaj, fervojlinio grave difektita, trafiko interrompita inter la nordmoravia grandurbo Ostrava kaj la ĉefurbo Prago.

Kvankam la propra fervoja kompanio ĈD ne estis klara kulpinto de tiel nomata f e r v o j a a v e r i o, tamen ĝi rekompencas la viktimojn.

Esplorkomisiono de tia akcidento-evento ankoraŭ ne fermis définitive sian esploron kun preciza konstato pri kulpintoj. Jam estis akuzitaj ĉefe du inĝenieroj de la kompanio realiginta rekonstruon kun malgranda forŝovo de granda ponto. Sed en la direkcio de la fervojo, neniu volas proklami ĉu oni eksciis pri planota rekonstruo.

Fakaj teknikistoj de la esplorkomisiono konstatis gravajn erarojn de la konstrufirmao, ĉar lignaj bloketoj kiel apogiloj de tiom peza pontego estis tute nesufiĉaj kaj ne povis kontraŭi la disfalon.

En kazo, se la fervojdirekcio sciis pri la planata rekonstruo certe ĝi povus esti akuzita kiel .. kunkulpinto" ĉar ĝi havis minimume du eblecojn por eviti tiun ĉi katastrofon :

- ĝi povus malpermesi la projektatan rekonstruon en tempo kiam regule trafikas trajnoj kaj destini alian konvenan daton al la konstru-kompanio aŭ :

- laŭ propra interna ordono pri t.n. TRAKFERMO malpermesi trajnveturojn dum tempo de rekonstruado de kolosala superfervojlinia pontego.

3) En majo, la 19-an lunde okazis sur la grava ĉefa fervojlinio inter Prago kaj Moravio apud la stacio Moravany, proksime de la urbo Pardubice plua akcidento. Tiam pasaĝertrajno koliziis kun malantaŭa parto de alia pasaĝertrajno haltita en la stacio. Rezulto - grave difektita multekosta elektra lokomotivo, morto de sperta lokomotivestro kaj malreguligo de trajnveturado.

Tuj, komenciĝis diversaj duboj pri ĝusta laboro de "ĉefaj dubindaj kulpintoj" - ĉu kulpas la fervojisto respondeca pri ekspedo de la trajno aŭ ĉu temas grava eraro de la lokomotivestro ? Do, kia kaŭzo povis esti, ke sur moderna instalaĵa ekrano kun linioj de trakoj kie agas fervojodeĵoranto kontrolante per ruĝa koloro ( TRAKO OKUPITA ) kaj helkolora ( TRAKO LIBERA ) ? En kazo, ke trako estis okupita, moderna sekuriga instalaĵo ne permesos al okupita trako alveturon kaj signala sistemo per ruĝa koloro tion indikas. Tial ekzistas preskaŭ mistero, kiel povis tiu ĉi fervoja akcidento aperi. Krom menciita evento estas tio kunligita ankaŭ kun ŝajna alia afero de organiza ŝanĝo de respondeco car ĈEĤA FERVOJO disdividis sian agadon jene : ekspluatado apartenas al ĈD, zorgo kaj bontenado de trakoj kaj fervojlinioj al kompanio SZDC (administracio de fervojtrakoj ) kaj nova moderna sekuriga instalaĵo estas produkto de AZD ( aŭtomatigo de fervojtrafiko).

Neniu el nomitaj kompanioj ne volas konfesi sian kulpon. Esplorkomisiono trovis eblan teknikan kaŭzon per fakto, ke sur relo, kie okazis kolizio de la dua trajno, estis tro forta tavolo da sablo.Tial venis suspekto, ke ĝuste ĝi kulpis" blindecon" de sekuriga instalaĵo kaj okupita trako ne estis sur ekrano de instalaĵo indikita per ruĝa sed per verda koloro.

Tamen finrezultan kulpinton de akcidento, esplorkomisiono ĝis nun ne indikis. La Federacio de lokomotivestroj ( FES ) defendas sin kaj transmetas kulpon al nekontentiga funkcio de sekuriga sistemo.

Post tiu ci akcidento, la fervoja direkcio pli severe ordonis al la lokomotivestroj kontroli konsiston kaj kvanton da sablo por pli efike bremsi. Same, nove estis en lokomotivoj rekonstruitaj sabligaj aparatoj. En strukturo de sablo necesas eviti tro grandajn sablerojn, kiuj povus krei sur relo tavolon blindigantan sekurigan sistemon. Ne nur fakuloj sed ĉiuj uzantoj de fervojo atendas definitivan indikon de vera kulpinto.

3/ Multaj akcidentoj okazas sur paseĵoj traknivelaj (interkruciĝo de trako kaj de ŝoseo). Certe oni povas konstati, ke en plejparto de kazoj preskaŭ centprocente, kulpas ŝoforoj de aŭtomobiloj. Kurioza nekutima estis aŭtuna evento, kiam malgranda ŝarĝaŭtomobilo, veturanta paralele sur ŝoseo troege proksime apud trako, subite iom flankentuŝis travetu-rantan trajnon une sen damaĝo krom parta kliniĝo. Sed poste, forfalo kun renverso de la aŭtomobilo kaj vundigo de la ŝoforo. Denove serĉado de kulpinto, ĉu la

*Sekvo en paĝo 36*

# Jarkonferenco en Ĉeĥio

Fine de la lasta jaro okazis en *Praha* la 43a jarkonferenco de la Ĉeĥa landa asocio de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF).

Partoprenis gastoj de kunlaborantaj l.a. el Aŭstrio kaj Hungario. En la konferenco ĉeĥaj fervojistaj esperantistoj pritraktis sian agadon dum la lasta jaro kaj elektis komitaton por trijara funkcia periodo. Estis elektitaj:
Pr Jindřich Tomíšek, 1-a Vp inĝ. Ladislav Kovář, Vp Andrea Hasala, Sk PhDr. Anna Abelovská, Ks Ladislav Špína, TK-gvidanto inĝ. Zdeněk Polák, anstataŭantoj Jan Kukla kaj Libuše Filipová.

El la agado estas menciinda aktiva partopreno en la 60-a IFK en majo 2008 en pola Poznano, kie estis honorigita per Honora Diplomo de IFEF ankaŭ ĉeĥa membro Jiří Pištora por sia multjara agado, precipe kiel iniciatinto kaj longjara administranto de Fako Esperanto ĉe la Urba Muzeo en Česká Třebová.

Ĉeĥa delegacio ankaŭ partoprenis solenan inaŭguron de la memorŝtono de IFEF apud plantita arbo de IFEF (kverko) en la Monda Parko de Esperanto en pola urbo Malborko.

En junio, okazis Printempa konferenco de Ĉeĥa l.a. de IFEF kun partopreno de eksterlandaj gastoj en la moravia urbo Prostějov kun riĉa programo. Okazis fakaj prelegoj kaj faka ekskurso al entrepreno DT – Trakforkejo kaj Maŝinejo, a.k., kie estas fabrikataj fervojaj trakforkoj kaj konstrukcioj ne nur por enlandaj sed eksterlandaj fervojoj (ekz. Koreio, Svisio), kaj ankaŭ trakforkoj tramaj, minejaj kaj kampaj, kie oni riparas la fervojajn trakforkojn k.t.p.
Membroj de la sekcio helpis prepari kaj aktive partoprenis la solenan inaŭguron de la Esperanta Muzeo en la urbo Svitavy (20.9.2008). Multaj partoprenis la kongreson de la Ĉeĥa Esperanto-Asocio en oktobro 2008 en urbo Přerov.

En la faka programo de la jarkonferenco okazis interesa prelego fare de inĝ. István Gulyás (Vp de IFEF kaj Pr de la Hungara Fervojista Esperanto-Asocio – HFEA) je temo "Organizaĵo de UEA kaj kontinua agado de IFEF" ( kiel unu el la plej fortaj, laborkapablaj organizaĵoj inter fakaj asocioj de UEA). Menciinda estas ankaŭ prelego de D-ro Petro Chrdle, la vicprezidanto de ĈEA, pri Ĉeĥa Esperanto-Asocio kaj ties agado.

---

**Sekvo de la paĝo 35** lokomotivestro, ĉu la ŝoforo de la aŭtomobilo. Nur en tiu ĉi kazo estas pli klare - neniu rajtas tro alproksimigadi fervojan linion, eĉ ŝoseaj reguloj atentigas pri malpermeso eniri la fervojzonon. Do, denove, ĉefkulpinto estis la ŝoforo de la veturilo.

*Inĝ Zdeněk Polák*

Okazis faka ekskurso al Urba Muzeo de la ĉefurbo *Praha,* kie oni interkonatiĝis kun interesaj ekspozicioj pri historio kaj nuntempo de la ĉeĥa ĉefurbo. La partoprenantoj interesiĝis precipe pri *Langweila modelo de Praha,* montranta aspekton de la ambaŭ mezepokaj pragaj urboj – *Staré Město, Nové Město, Malá Strana* kaj Praga Kastelo antaŭ vasta trakonstruado fine de 19a kaj komence de 20a jarcentoj.

Post la oficiala fino de la jarkonferenco oni dimanĉe ĉiĉeronis eksterlandajn partoprenantojn tra *Praha* kaj vizitis kelkajn vidindaĵojn, ekzemple *Televidturon de Žižkov* kaj *Rigardoturon de Petřín,* veturis per kabla transportilo al la supraĵo de la elvidejo, kie krom alia troviĝas speciala magia spegulara labirinto. La partoprenontoj de la preparata 63-a IFEF-kongreso en 2011 en urbo Liberec, Ĉeĥio, kaj de la Postkongreso, krom alia povos viziti ĉi tiujn kaj aliajn vidindaĵojn en la ĉeĥa ĉefurbo.

*Jindřich Tomíšek*

## Naskiĝdatreveno

La 18.02.2009.***János Patay*** festis sian 80-an naskiĝdatrevenon.

Pro lia granda merito, en jaro 2000.li estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por lia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

## Naskiĝdatreveno

La 13.03.2009 ***Elfriede Kruse***, festos sian 95-an naskiĝdatrevenon.

Pro ŝia granda merito, en jaro 1980 ŝi estis nomumita Honora Membro de IFEF.

**Koran dankon por ŝia plurjardeka rezultohava grava laboro.**

# Esperanto ĉe la nantaj fervojistoj okaze de kristnaska paĉja festo

Kiel kutime, ekde 1986, la regiona komitato de la SNCF en Nantes (Francio) proponas spektaklon dediĉitan al la fervojistaj infanoj. En 2008, tiu renkontiĝo okazis en granda halo nomata "La Trocardière" en Rezé (urbo apud Nantes).

Jam ekde la deka, pluraj organizantoj ariĝis por taŭge organizi la akcepton. Kelkaj personoj interesiĝis pri la muziko, aliaj pri la tekniko, pri la dispono de diversaj budoj. Ekzemple la Franca Fervojista esperanto-asocio prezentis ekspozicion. Aliaj asocioj, per diversaj montrofenestroj informis la ĉeestantojn rilate la celon de siaj propraj aktivaĵoj.




*Kristnaska paĉjo staranta antaŭ la esperanta budo.*

Tagmeze, dum paŭzo, ĉiuj gaje eniris la manĝejon. Post aperitivo estis proponita bufedo el diversaj porkaj, kokidaĵaj, legomaj, frandaj nutraĵoj. Tuj bonega etoso kreskis. Sed la 14-a horo alproksimiĝis kaj ĉiuj helpantoj iris al sia labor-loko.

Jam la unuaj partoprenantoj alvenis. Kompreneble multaj infanoj ĉeestis la feston. Ĉe la sojlo de la enirejo, kelkaj volontuloj donacis frandaĵojn al la infanoj, kiuj, poste, sin direktis al la teatra salono. Post dek minutoj la salono estis plenplena kaj la spektaklo komenĉiĝis. Temis pri muzika komedio.

Sinsekve sin prezentis sur la scenejo dancistoj, kantistoj, deklamantoj laŭte voĉlegantaj poemojn, . La infanoj kaj ilia gepatroj brue montris sian kontentecon per longaj aplaŭdoj.

Fine, direktiĝante al la forirejo, survoje la infanoj ricevis la donacojn ofertitajn de kristnaska patro. Ĉar tiu spekaklo interesis pli ol mil invititajn infanojn, denove je la 16.00 la spektaklo rekomenciĝis por la dua duona grupo da infanoj.



*Magali kaj Claudine prizorgas la budon de la regiona komitato de la SNCF*

Ni dankas la regionan komitaton por ĝia granda sukceso en tiu amika renkonto, kiu ankaŭ permesas al la vizitantoj informiĝi pri la diversaj aktivecoj zorgataj de la fervojista komitato.

Apartan dankon al José Feugeras por la bonega organizo kaj al ĉiuj bonvolemuloj sen kiuj tiu infana festo ne eblus.

*Jean Ripoche*

# *Historia libreto okaze de la 100 jariĝo de IFEF*

***Jam ekzistas tri historiaj libretoj de IFEF memorigantaj ĝian movadon ĝis la jaro 1999. Sed ĉu ne estus interese kolelti la memoraĵojn de la nuna epoko (1999-2009) kaj eldoni novan historian libreton cele al konservi papere la IFEF-okazintaĵojn?***

***IFEF-estraro proponas, tiucele, malfermi fonduson.***

***Pro tio, estus necese havigi sumon de 5 000 € por la realigo de du-tri-centpaĝa dokumento eldonota tri cent ekzemplere.***

***Por ke ni havu kompletan bildon de la IFEF-movado dum 100 jaroj, helpu la realigon de tiu projekto :***

- ***per la kolekto de viaj enlandaj arkivoj,***
- ***per financa helpo al tiu fonduso (bonvolu***
- ***sendi monhelpon al nia kasisto kun mencio***
- ***de la fonduso).***




**Ni kore dankas la ĝisnunajn donintojn**
Johann Geroldinger, Gerry Schavemaker, Martin Stuppnig, kaj iu nekonatulo.

## Kataro uzos *know-how* de DB

Veturekipado de iu lando per tute nova fervoja sistemo – tiuj mendoj fariĝas en la 21-a jarcento ju malpli oftaj, des pli interesaj. Ekzemple en Kataro post kelkaj jaroj povus ekveturi la unuaj trajnoj sur la nove konstruita fervojlinio. En planado kaj realigo de la projekto la plej petrolriĉa araba emirlando planas eluzi *know-how* (lertecon) de la germana fervojo *Deutsche Bahn*.

Pro tio la registaro de Kataro dum realigo de tiu ĉi projekto dungis inĝenierojn de DB kiel projektantoj kaj planizantoj.

Krom alia oni projektas konstrui ses metrooliniojn en la ĉefurbo *Dauhá* (Ad Dawhah), fervojan linion ekde la landlimo kun Saudi-Arabio, ekskluzive por vartrafiko, kaj poste grandrapidan fervojlinion el la flughaveno al la centro de *Dauhá* kun daŭrigo tra tielnomata *Ponto de Amikeco* al la najbara emirlando Barejno.

(Laŭ Mobil 12/2008)
Prilaboris *Jindřich Tomíšek*

*Noto:*
*Kataro, araba ŝtato (arabe Daulat al-Katar) sur duoninsulo Katar en Persa Golfo kun areo 11427 km² kaj 539 mil loĝantoj (1993), ĉefurbo Dauhá (Ad Dawhah, 314 000 loĝantoj – 1993).*

# Programo 2009
# de la Kulturdomo de Esperanto
# Kastelo Grezijono / Château de Grésillon
# FR– 49150 BAUGE

Telnumero : + 332 41 89 10 34 (kun respondilo)
Retejo : http://gresillon.org
Retadreso : kastelo@gresillon.org



La senprofita asocio "Kulturdomo de Esperanto" fondita en 1951 (simpla komforto) proponas diversajn semajnajn staĝojn en 2009.

**Ĝi ĉiujare proponas:**

- kursojn diversgradajn,
- prelegojn diverstemajn,
- distraĵojn diversspecajn,
- ekskursojn en belega regiono.

**Ĝi disponigas al la staĝanoj:**

- kurso-ĉambrojn, salonojn,
- ampleksan bibliotekon,
- libroservon,
- butikon kaj trinkejon
- sportejojn (tenistablojn, flugpilkejon, 2 migradpadojn…).

**Interesuloj, bonvolu informiĝi ĉe la retejo aŭ per skribo al la supra adreso.**

**INTERNACIA FERVOJISTO**
*61-a eldonjaro*

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
"co16919@iperbole.bologna.it"

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
"kozsu13@freemail.hu"

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
"marica.brletic@hznet.hr"

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
"laurent.vignaud@free.fr"

**Redaktoro**: Jean Ripoche
5 Allée Murillo
FR-44300 NANTES
France
Tel/fakso + 33 (0)2 40 50 57 43
"jeanripoche@wanadoo.fr"

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(ĝirante el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237
BIC-kodo: PSSTFRPPNTE

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
januaro, marto, majo, julio, septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy ùt 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**
ISSN 1397-4270
VIG 2003.494

**Faka komisiono**
GV: Jan Niemann
"niemann@kabelmail.dk"
SK: D-ro Heinz Hoffmann
"Hoffmann-IFEF@t-online.de"
SK: Inĝ Ladislav Kovář
"ladislav.kovar@worldonline.cz "